Konny 6 ita ota


# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**

**Redaktoro: Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio: I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


## NOV-JORKO

*Nov-Jorko, la enirpordo en la novan mondon. Ankoraŭ ĉiam la esperata celo de miloj da homoj. Nov-Jorko, spegulo de Nord-Ameriko, lando de l'senlimaj eblecoj... Apud mizeraj barakoj, malnovaj domoj, plej altaj nubgratantoj rektiĝas ĉielen... Kaj moderna hidroplanhaveno stariĝas en la koro de Nov-Jorko... tero de kontrastoj senfinaj.*

**ENHAVO:**




**32-a Jaro N° 425**

**JANUARO 1936**




# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 3 — Januaro 1936

*Ĉefdelegiteco Aŭstrio*

Aldone al niaj antaŭaj sciigoj ni hodiaŭ informas, ke de nun ĉiuj pagoj al la « Ĉefdelegito de UEA por Aŭstrio » estas farotaj al la poŝtsparkasa konto N° B-178.935 (Gustav Weber, Wien I.).

*Ĉefdelegiteco Polujo*

Pro malsano de la ĉefdelegito kaj pro aliaj malfacilaĵoj la servado en Polujo estis ne-regula en 1935. Post la resaniĝo ĉiuj malnovaj aferoj estas ordigitaj. Aranĝoj estas faritaj por certigi de nun senmankan funkciadon. Ĉiuj korespondaĵoj estas direktotaj al S-ro Jakob Ŝapiro, ul. Marszal. Pilsudskego 33, Bialystok.

*Favorigo al polaj membroj*

Laŭ interkonsento kun la administracio de « Pola Esperantisto », ĉiu membro de UEA en Polujo, sendante sian kotizon al la ĉefdelegito de UEA, rajtas samtempe mendi abonon al « Pola Esperantisto » por rabatita prezo de zl. 6.— anstataŭ zl. 8.—.

Robert Kreuz, *Direktoro*

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Belgujo**

*Vottem lez Liège.* — D : Chs. Martiny, rue du Petit Chêne, 33.
*Bruxelles.* — FD : (Teknika instruado). J. Alofs, Av. de la Villégiature 16. *Woluwe St.-Lambert.*

**Ĉeĥoslovakio**

*Koprivnice.* — D : S-ino K. Peschké.
*Ober-Rochlitz a. Iser.* — VD : Reinhold Krause, ŝoforo.

**Danujo**

*Skodborg J.* — D : Heinrich Michels, Bienposedanto.

**Francujo**

*Avesnes* (Nord). — D : Ernest Mariez, Oficisto, 22, rue d'Aulnoye.
*Berck-Plage* (P. de. C.). — D : G. Lemaire, 30, rue Aristide-Dauvin.
*Jeumont* (Nord). — D : F-ino Simone Bretelle, 18, rue Victor-Hugo.
*Lens* (P. de C.). — D : Max Mendlewicz, 16, rue Gambetta.
VD : Kléber Vandevoorde, Kontisto, 36, rue Fr.-Gauthier.
*Phalempin* (Nord). — D : P. Hulin.
*Valenciennes.* — VD. Rémy Huin, Bankoficisto, 17, Cité du Jard. *Anzin* (Nord).

**Germanujo**

*Bremen.* — D : F-ino Lotte Steiner, Lüneburgerstr. 11.
*Groschowitz* (Krs. Oppeln). — D : Günther Jacob, v. Prondzynskistr. 15.

**Jugoslavio**

*Petrovgrad* 3. — D : Maximilian Kurz, Magazenestro, Seĉerana.

**Portugalujo**

*Golega.* — D : D-ro Jao de Sousa, Kuracisto.
*Leiria.* — D ; José Garcia Ferreira Murias, Ŝtatoficisto, Rampa de Sto. Estevao.

**Svislando**

*Boudry* (Neuchâtel). — D : Robert Frochaux, Oficisto, Pharmacie.

**Usono**

*Alameda* (Kalifornio). — D : Kames H. Morrison, Gardisto, 1200 Broadway.
*Oakland* (Kalifornio). — D : D ro Frank L. Horne, Kuracisto, 383-63rd St.
*Phoenix* (Arizona). — D : Ch. H. Mc Kinney, R.D.7. Box 453.
*San Antonio* (Texas). — D : William Plampin, Librotenisto, 1032, S. Alamo St.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ

*Britujo :* Portsmouth (Hants.).
*Ĉeĥoslovakio :* Jablunkov ; Vodvany ; Unterreichenstein.
*Ĉilo :* Santiago de Chile.
*Dancigo :* Zoppot.
*Francujo :* Dijon ; Malakoff ; Malo-les-Bains ; Rosny-sous-Bois.
*Germanujo :* Hirschberg ; Markneukirchen ; Breslau.
*Jugoslavio :* Zdenĉina.
*Litovio :* Kaunas.
*Nederlando :* Schiedam.
*Svislando :* Baden.
*Usono :* Bozeman ; Brooklyn.

### ŜANĜOJ

**Britujo**

*Goodmayes* (Essex). — D : Th. J. Howell, 15, Breamore Court, Goodmayes Lane.

**Ĉeĥoslovakio**

*Brno.* — FD (Admin., ĝeneralaj aferoj) Jos. Vondrousek, U botanické zahrady 31.

**Francujo**

*Chateauroux* (Indre). — D : René Lacour, Arkivisto, 25, rue de Metz.

**Germanujo**

*Gleiwitz i. Schles.* — D : Oswald Jeschonek, Kom. Oficisto, Teuschertstr. 35, II.

**Hungarujo**

*Budapest.* — D : Imre Karoly Kovarcs, Petőfi Sandor u. 9. IV. 3.

**Nederlando**

*Arnhem.* — D : A. M. v. d. Wal-Brethouwer, Amsterdamsche Weg III.

**Svislando**

*Luzern.* — VD : H. Lauber, Rotseehöhe 4.

---

### KOREKTIGO

En la jarlibro 1935 (Suplemento al la eldono 1934) paĝo 50, post la mencio de la EG : Tojama Esperanto Societo, estas enmetota la urbnomo *TOKIO*, kie loĝas la 4 FD cititaj tie.

---

### Niaj mortintoj

S-ro Harris Hyman Dombovitz. Del. UEA. Malakoff (Francujo.) R.I.P.

### NASKIĜOJ

Al gesinjoroj Pierre Petit, Rosny-sous-Bois, Francujo, naskiĝis filo Jean-Roger. Niajn korajn bondezirojn.

## ONI DANKAS

*** S-ro Hillar Sakaria el Tallinn kore dankas S-ron. Prof. Frits Lindén en Uppsala pro valora scienca helpo : havigo de informo el la tiea universala biblioteko.

*** S-ro Ch. B. Ehrlich, ul. Sw. Krzyza 4, Drohobycz (Polujo) esprimas sian tutkoran dankon kaj profundan respekton al S-ro F. A. W. Thomas, Del. UEA en Blackheath, (N.S.W.) Aŭstralio, pro la tre grava kaj malfacila servo, kiun li faris al li.

**Ĉi tiu estas la lasta numero de „ Esperanto ", liverata al la M.A kaj abonantoj en 1935. Por daŭrigo tuja repago estas necesa.**

# Ĉu Esperanto eniros la Gastejojn por la Junularo ?

Ĉiam oni diras, ke la junularo estas la espero de la nacioj kaj de la priideaj movadoj, kaj oni vigle semas multe da ideoj. Semoj kreskas aŭ perdiĝas. Sed se oni ne semas, oni certe nenion rikoltos !

Oni devas diri, ke ĝis nun Esperanto ne trovis multajn adeptojn inter la junularo kaj ankaŭ, ke la esperantistoj ne speciale kaj konstante propagandis en la junecaj medioj. Nur kelkaj izolulej ekkonigis Esperanton al siaj kamaradoj. Neniam oni organizis planon de vasta propagandlaboro, kaj neniam oni studis ĝisfunde la aferon. Jen kial, sendube, la junularo restas fermata al Esperanto.

Tamen ĉiufoje, kiam oni parolis pri Esperanto al junulo, oni trovis simpatianton por nia movado. Do, estas necese, ke ni ĉiuj serioze klopodas por tiu celo. Nuntempe oni povas sukcese labori en la gastejoj por la junularo. Tiu ĉi movado naskiĝis en Germanujo en la jaro 1910, kiam instruisto el Vestfalio, R. Schirrmann, kreis pasloĝejojn tre simplajn, sed tre purajn, kie junulo estas gastigataj dum siaj ekskursoj Litoj, lav-ĉambro ĉambro, por la grup-kunsidoj, ebleco por pretigi manĝeton : tia estis la skemo de tiuj modestaj organizaĵoj. La movado rapide pligrandiĝis kaj dum la gastejoj kreskadis laŭnombre, ili samtempe perfektiĝis senĉese. Nuntempe proksimume 4.500 gastejoj por la junularo ekzistas en Eŭropo. Ili sumigis en 1933 preskaŭ 5 millionojn da gastignoktoj.

Do per tiu movado, ni povus konigi la ideon de la helpa lingvo al multe da junuloj. Tiom pli, ĉar ĝenerale la junuloj, kiuj vizitadas la gastejojn serĉas la kvietecon de libera kaj saniga atmosfero, kaj ke Internacio de la Ligo de Gastejoj (grupiganta ĉiujn landojn) estis starigita ; la plena reciprokeco estis konsentita, tiel ke la membro-kartoj, donataj de ĉiuj naciaj ligoj permesas la eniron en ĉiujn gastejojn de ĉiuj aliaj landoj. Tial ofte dum la vesper-kunvenoj, junuloj el diversaj landoj deziras interparoli. Tiel la neceso de helplingvo montriĝas.

Kelkaj samideanoj komprenante la gravecon de Esperanto por tiu ĉi movado kaj komencis propagandon. Ili renkontis multajn simpatiojn. La Brita Esperantista Asocio estas membro de la brita asocio de la gastejoj por la junularo. En Francujo ekzistas du gravaj ligoj de gastejoj por la junularo, sed nur unu estas oficiale akceptata en la Internacia Asocio. De post meze de 1934, ni sendis al la ligoj dokumenton pri Esperanto kaj vigle instigis al enkonduko de Esperanto en la gastejojn. Afable kaj kore oni respondis al ni. La gazetoj de la ligoj publikigis artikolojn kaj informojn pri Esperanto. Sed la anoj kaj la « gepatroj-gastigantoj » ne bone konis nin. Tial ni sendis al ĉiuj gastejoj cirkulerojn, numerojn de « Franca Esperantisto », ktp. Amase la gepatroj-gastigantoj respondis al ni, sciigante sian aprobon, sian bonvolon afiŝi propagandilojn pri Esperanto en siaj gastejoj kaj aliĝi al kurso de esperanto.

Intertempe laŭ niaj sugestoj, la franca ligo, kiu estas membro de la Internacia Asocio, kaj kiu jam publikigis klarigojn esperantlingve en sia gvidlibro 1935a, postulis de la sekretario de ĉi-tiu Internacia Asocio, ke la temo Esperanto estu diskutota dum la kunsidoj de la IVa Internacia Kongreso de la Gastejoj por la Junularo. Por sukceso de la propono estis necese, ke ĉiuj delegitoj de la landaj asocioj aprobu ĝin. Ni opiniis, ke la naciaj esperantistaj asocioj devis detale informi pri Esperanto ĉi-tiujn delegitojn.

S-ro P. Petit, la konstanta sekretario de SfpE, okaze kaj post la roma kongreso turnis sin urĝe al la landaj asocioj por helpo. La tempo tamen ne sufiĉis plu por agi efike. Plie pluraj landaj asocioj ne respondis al la invito pri kunhelpo.

La Kongreso okazis en Krakovo la 21-25 septembro. La tagordoj de la kunsidoj estis tro ŝargitaj. La delegitoj, kiuj neniam aŭdis ion pri Esperanto opiniis, ke la afero estis akcesora kaj tre malmulte oni diskutis pri ĝi. Tamen laŭ ekzemple de la franca ligo, aliaj ligoj decidis publikigi klarigojn en Esperanto en siaj gvidlibroj.

Oni povas firme esperi, ke en 1936 Esperanto faros gravan paŝon antaŭen en la Gastejoj por la Junularo. Jam, dank'al la agadoj de la francaj delegitoj, la afero estos unu el la ĉefaj demandoj de la proksima Internacia Kongreso. La sekretario de la Franca Ligo skribis al mi « Vi povas esti certa, ke tiom longtempe, kiom ni reprezentos la Francan Ligon en la Internaciaj Kongresoj, la temon pri Esperanto mi tre speciale rigardos kiel gravan ». Sed li konstatis, ke nune la diversaj asocioj de la gastejoj por la junularo estas malmulte dokumentataj pri Esperanto. Ni havas do sufiĉe gravan taskon antaŭ ni.

Certe Esperanto eniros en la gastejojn por la junularo, ĉar en tiu ĉi movado la simpatiantoj por Esperanto rapide plimultiĝis. Sed la dato de tiu eniro dependas de ni ĉiuj. Se la delegitoj de ĉiuj naciaj asocioj en la 1936a Kongreso estos konvinkataj, ke Esperanto estas grava, interesa kaj necesa plivastigilo de la movado de la gastejoj por la junularo, ili entuziasme aprobos la proponojn de la Franca Ligo, kaj la afero estas solvata sukcesplene. Esperanto eniros en tiujn afablajn domojn, per kiuj ni atingos la junularon, la junularon entuziasman por la libereco, la frateco kaj la paco

Kunhelpu ĉiuj ! Se vi volos, ni venkos...

M. Alglave, Blanc-Misseron,
Fakestro par la Gastejoj por la Junularo en la Propaganda Komisiono de SFPE.

[1] Aktivaj kunlaborantoj bonvolu tiuj anonci sin al la Centra Oficejo de UEA, 1, Tour de l'Ile, Genève (Svislando).

**Bonaj konsiloj estas ĉiam bonvenaj al ni.**

**Veran valoron por nia afero tamen havas nur la fakta kunlaboro.**

# Letchworth, la unua ĝardenurbo

Kavaliro Ebenezer Howard, la elpensinto de la ĝardenurba ideo, diris parolante en Esperanto al 700 membroj de la 3a Universala Kongreso en Kembriĝo, ekskursantaj al Letchworth: « Esperanto kaj la Ĝardenurbo estas du enkondukantoj de nova kaj pli hela kondiĉaro de paco kaj de bona konsento... Ĝuste kiel Esperanto estas nepre difinita por fariĝi universale komprenata lingvo, tiel ankaŭ la fundamentaj principoj de la Ĝardenurba entrepreno siatempe fariĝos praktikataj tra la tuta mondo.

En la jaro 1894, Ebenezer Howard — poste Kavaliro Ebenezer Howard — eldonis libron, kiu per siaj finrezultoj ŝanĝis la tutan pensmanieron kaj praktikon rilate al urba kaj kampara konstruado kaj urboplanado. La libro, kiu destiniĝis havi tian vastan mision en la mondo, nomiĝis « Tomorrow » (Morgaŭ); kaj poste reeldoniĝis sub la titolo, « Garden Cities of Tomorrow » (Ĝardenurboj de Morgaŭ).



Kavaliro **Ebenezer Howard,** fondinto de la ĝardenurboj

Konsternis Howard-on la laŭhazarda kreskado de urboj tiaj, kiajn oni vidas ĉiudirekte, kaj la superloĝado kaj malsaneco, sub kiuj ekzistas grandparte la urbloĝantoj; kaj en sia libro li konsilis kiel rimedon por haltigi la sencelan kaj neekonomian kreskadon de urboj ĉie okazanta — la konstruon de tute nova tipo de loĝeja kaj industria urbo.

La planado de ĉi tiu urbo devas esti ampleksa, kun apartaj regionoj, negocejoj, kaj fabrikoj kaj laborejoj; oni provizos sufiĉegon da liberaj spacoj; kaj la tutan urbon ĉirkaŭos kampara zono, dediĉota kiel ĉiama libera spaco. La kamparan zonon oni proponis kiel ŝirmilon de la urbo kontraŭ superkreskado, egale de ekstere kaj de interne, por certigi ankaŭ, ke oni povos piedatingi la kamparon de la centro de la urbo. Ĉi tiu nova urbo devas esti sufiĉe ampleksa, por ebligi plenmezuron de socia vivo, sed neniom pli granda; kaj la tuta bieno devas esti sub tia posedanteco, kia certigos la kuratoreco por la komunumo.

Multaj homoj mokridis pri la ideo, kaj antaŭdiris tujan malsukceson de la plano. Sed Howard ne malkuraĝiĝis. Li ŝparis nek penadojn, nek tempon por varbi subtenantojn de sia plano. starigi ĝardenurbon ĉe Letchworth, 34 mejlojn norde de Londono. Pacience li laboris kaj fine sukcesis havigi sufiĉan subtenon por la efektivigo de sia ideo. Tiel en Septembro 1903 la Unua Ĝardenurbo fondiĝis; oni aĉetis bienon de 1816 akreoj, (poste oni aldonis ĉirkaŭ 674 akreojn), sur kiu nun staras la urbo de Letchworth. Je la tempo de la aĉeto staris sur la bieno tri vilaĝetoj, kies tuta loĝantaro konsistis el ĉirkaŭ 400 personoj, kiuj estis ĉefe okupitaj per la kulturado de la tero ĉirkaŭ ĝi. Nuntempe Letchworth estas urbo enhavanta pli ol 25,000 loĝantojn.

La direktoroj de la Unua Ĝardenurbo Kompanio, kiu formiĝis en 1903, agis plejparte laŭ la proponoj, faritaj de Howard en lia libro. Antaŭ ol oni metis unu brikon aŭ tranĉis herbejopecon, ili havigis planon de la estonta urbo, preparitan de du kompetentaj arkitektoj. En Letchworth oni faris la urboplanon antaŭ ol la urbo — ne 500 jarojn poste, kiel okazis ĉe preskaŭ ĉiuj urboplanaj skemoj dum la lastaj jaroj.

Dum la infan-jaroj de la kompanio malfacilaĵoj pro monmanko estis tiel abundaj, kiel nuntempe rozoj estas en Letchworth, sed saĝa estrado, kaj zorga, kaj kelkfoje treege singarda financo, sukcese kondukis la novenaskitan urbon tra ĉiuj ĝiaj infanaj ĝenaĵoj. Tiel ĝi jam fariĝis la plej granda objektiva leciono pri urboplanado, kiun iam vidis la moderna mondo.

La unua rezulto de la antaŭvido de la unuaj direktoroj, kiuj tiel planis la estontan urbon, estas ke al Letchworth efektive mankas la subpremigaj, malbelaj kaj malutilaj karakterizaĵoj de aliaj urboj. Ĝi estas bela, oportuna, pura kaj bone zorgata urbo, urbo sen domaĉaro; urbo en kiu malnoblaj kaj minacaj ecoj de la vivo neniam povos trovi lokon.

La plano, laŭ kiu la urbo konstruiĝis, antaŭvidis, ke fine estu 35.000 loĝantoj, apartajn zonojn oni difinis kiel butikan centron civitan centron, loĝregionon kaj industrian regionon.

La urbo evoluis, kaj ankoraŭ evoluos, laŭ la unua plano, preparita antaŭ 31 jaroj. Sekve ĉiun konstruaĵon, kiam starigota, ĉu privatan domon, ĉu butikon, ĉu fabrikon, oni lokigas en la regionon, al kiu ĝi ĝuste apartenas.

Mallonge, Letchworth prezentas laŭplanan ordon anstataŭ la ĥaosa, nereguligita urbkreskado, kiu regis dum tiom da jarcentoj. Ĝis nun homoj planis siajn ĉevalejojn, siajn domojn, siajn maŝinojn, siajn ŝipojn, eĉ siajn puŝveturilojn, kaj fakte ĉion, kion ili bezonis por preciza uzado; sed neniam antaŭ la konstruo de Letchworth oni sukcese planis urbon aŭ civiton, kaj ankaŭ aranĝis la administradon, por certigi, ke la posta evoluo de la urbo estu konforma al la antaŭaranĝita plano.

Starante tie, kie antaŭ ne multe pli ol 30 jaroj sin sternis grenkampoj kaj herbejoj, Letchworth kreskadis laŭplane kaj post pluaj 30 jaroj, kaj ĝis la urbo kompletiĝos, la kompanio kaj la loka aŭtoritato ankoraŭ plenigos la mozaikon de la skemo, difinita de la unuaj planintoj.

Oni notu, ke inter la kampara kaj la urba regiono de Letchworth ne ekzistas abrupta limdifino, ĉar estas laŭ la bazaj principoj, sur kiuj la urbo konstruiĝas, ke la naturaj ecoj de ĝia ĉirkaŭaĵo libera kamparo, arbaroj, kaj verdeco, sunbrilo kaj freŝa aero — kiel eble plej plene dispenetras la tuton. Fakte ĝi estas tiel planita, ke al nenia strato mankas ĝia

porcio da sunbrilo, kaj ĉiun loĝdomon atingas la puriga aero, pro kiu la distrikto estas fama.

Ĝis nun ne ekzistas multaj veraj ĝardenurboj. Sed estas multaj ĝardenvilaĝoj kaj ĉirkaŭurboj, en diversaj partoj de la mondo, planitaj laŭ la ideoj de Howard. Ankaŭ multloke tiuj ideoj vidiĝas en la replanado de partoj de antikvaj urbegoj. Baldaŭ post la granda milito oni komencis duan ĝardenurbon en Anglujo, ĉe Welwyn (ĉirkaŭ 10 mejlojn norde de Londono) kien Howard mem transloĝiĝis kaj kie li mortis en 1928. Spite al grandaj postmilitaj malhelpaĵoj la Welwyn Ĝardenurbo progresis kaj progresas.

Tio, kio estas dezirinda estas, anstataŭ la pligrandigo de estantaj urbegoj, la fondo de tute novaj, mezgrandaj urboj, en kamparaj distriktoj, kompletaj kun propraj fabrikoj, loĝejoj, butikoj, k.t.p. kiel tion proponis Howard.

J. M. Bartholomew.

## Sur la monto

*Nebulo kovras malproksimon !*
*Ni staras alte ! — Plentrankvilaj :*
*Relumos suno sur senlimon !*
*Relumos supre steloj brilaj !*

*Kaj se sur pinto de la vivo*
*Buliĝas ĉirkaŭ vi nebulo,*
*Videblaj estas nek deklivo,*
*Nek trajtoj ĉarmaj de l' karulo, —*

*Foriĝos — kredu ! — la nebuloj.*
*Jen ! Ĉio bela jam feliĉe*
*Denove brilas, — eĉ pli riĉe,*
*Ol iam — antaŭ la okuloj !*

Ludwig Schiff, Berlin.

## Tago plua

*Horloĝo batas dekduan.*
*Kaj apud la skribotablo,*
*mi fermas la libron enuan*
*Al Diablo !*

*La dorson kurbigas pigre*
*vekite de hora bato*
*kaj voston hirtigas migre*
*mia kato.*

*Jam tag' plua fume svenas,*
*Plu paŝis ni al la mortado...*
*Ve, tion vi ne komprenas*
*Bestkamarado.*

A. Nuñez Dubus,
(El « Literatura Mondo »).

## Dro. Eduard Beneš, prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko

La ĝisnuna prezidanto de Ĉeĥoslovakio T. G. Masaryk demetis la 14.12.35 sian oficon pro maljuneco. La 18.12. estis elektita Eduard Beneŝ kiel posteulo. El 440 balotiloj li ricevis 340. El la ceteraj 24 estis por alia kandidato ; la restantaj estis malplenaj.

La elekto meritas esti enskribita tie ĉi, ĉar D-ro E. Beneŝ en sia funkcio de eksterlanda ministro de Ĉeĥoslovakio plurfoje dokumentis sian aprobon de l'esperantista movado per memorindaj faroj.

Li estas unu el la subskribintoj de la rezolucio pri Esperanto en la 2a komisiono de la Ligo de Nacioj en 1920 kaj en 1921.

Li sendis al la 13a Universala Kongreso de Esperanto en Praha leteron en kiu li, krom la salutoj kaj deziroj de sukceso, diris : « Ideo pri unu interkompreniga lingvo, kia estas Esperanto, estas valora por ĉiuj pacifistoj sinceraj Hodiaŭ ĝi ne estas plu utopio, sed problemo, pri kiu laboras inteligentularo de la tuta mondo ».

Li akceptis la honoran prezidantecon de la Konferenco « Paco per Lernejo » en Praha en 1927.

Li akceptis en Ĝenevo en 1931 la siatempan prezidanton de la Internacia Centra Komitato, s-ron D-ron Ed. Privat, por trakti kun li pri la eblecoj de Interstata Akordo por enkonduko de Esperanto en publikajn lernejojn. Li respondigis plurajn leterojn de D-ro Privat kaj de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista pri tiu ĉi temo.

Tial ni trovas dece, ke ankaŭ UEA gratulu al prezidanto Beneŝ okaze de lia elekto.

## Doloro

*Dupugne kaptis min dolor' ;*
*Nenio min konsolas.*
*Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor'*
*Mi tion plu ne volas.*

*Mi jam forgesis pri labor' ;*
*Ne plu mi skribas verse ;*
*Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor',*
*Kaj eble eĉ inverse.*

*Pro senceleco dronas for*
*Deziro je la saĝo ;*
*Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor',*
*Postmorgaŭ ĉerka kaĝo.*

*Se l'vivo estas eĉ trezor'*
*Eĉ tiam ĝi ja stultas.*
*Hodiaŭ rid', kaj morgaŭ plor'*
*Mi mortos : nul' rezultas.*

*Viv' komedi' kaj mi aktor'*
*(Sufiĉe aĉa ludo).*
*Hodiaŭ rid' kaj morgaŭ plor'*
*Malgaja finkonkludo.*

Grindel Falkonbriĝ
(El « Literatura Mondo »).

XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO EN WIEN 1936





XII-A SOMERA UNIVERSITATO

INTERN KONFERENCO DE VIRINOJ

VOJAĜO „TRA AŬSTRIO"

FESTARANĜOJ

KOSTUMBALO: „LA KONGRESO DANCAS"

OPERETO: „LA BIANKA ĈEVALETO"

KONGRESEJO: LA FESTSALONEGOJ DE IMPERIESTRA KASTELO „HOFBURG"

ADRESO: ESPERANTO-KONGRESO-WIEN-NEUE BURG.

VIENO 1936



HALLSTADT (Supra Aŭstrio) kun lago

# BLUA DANUBO

de Edith HERALD

Dimanĉo estas, sunoplena,
Eksteren logas ĉiujn ĝi,
Kaj al Viena la arbaro
Migradas kvazaŭ procesi'.

Sur Kahlenberg' al filineto
Montrante diras la patrin' :
« Rigardu do vi nun ĉirkaŭen,
La kara hejm' prezentas sin.

Preĝejo Sankta jen Stefano
En la belega urb' Vien',
Kaj tie la larĝega akvo
Danubo blua estas jen ! »

La etulino sed tre miras :
« Ĉu blua estas la Danub' ?
Ne diru tion, ho patrino,
Ĝi estas griza ja sen dub' ! »

Ridetas la patrin' trankville :
Aŭskultu do kun interes',
Mi diras, kial la Danubo
Ja estas blua nur sen ĉes'.

En tuta la Danuba valo
Ja blue floras romantik',
Lumigas ĝi la pasintaĵojn,
Ke reviviĝas la kronik'.

Fabeloj, mitoj palpebliĝas,
Pasintajn tagojn vidas vi.
Sur ĉiu part' de l'hejma tero
Prezentas sin la histori'.

Revenas ŝtonepok', romanoj,
Krimhild' vojaĝas al Hunland',
Rabisto-kavaliroj regas,
Ĝis venkas ilin ĉef' de l' land'.

Terura mit' pri l' Rozĝardeno
Timigas ĉiun en Aŭstri',
Rikardo la Leonkorulo,
Blondelon ree aŭdas li.

Niksino Ran' trompante logas
Dum la ventega bru' kun mok' :
Ĝi estas Lorelej Danuba,
Loĝanta sur Aggŝtejna rok'.

Parolas pri turkar' kaj francoj
Kaj pri milit', malsat', mizer',
Sed ankaŭ pri heroaj agoj
Ja ĉiu eĉ Danub-sabler'.

Du noblaj dinastioj regas,
Abunde dotis en Vien'
La Babenberg- kaj Habsburgidoj
Preĝejojn, monaĥejojn jen.

Belaĵojn faris bravaj majstroj
Sur tolo, el marmor' kaj or'.
Distingas nun mistika ĉarmo
Ĉi tiujn fruktojn de l' labor'.

El ĉio ĉi en la ĝardeno
De l' romantiko kreskas flor',
Videbla nur per la animo
Kaj nur trovebla per la kor'.

Sed kiu foje ĝin ektrovis
Por tiu ne plu velkas ĝi,
Kaj vidas per ekkona povo
Danubon do nur blua li.

Memoru tion poreterne,
Neniam ĝin forgesu vi,
Por ke vi havu ĝustan penson
Pri l'kara hejmoland' Aŭstri ! »

*Tradukita de* Alois NORBERT

**Aliĝu al la 28a Universala Kongreso de Esperanto**

**Partoprenu al la vojaĝo «Tra Aŭstrio» organizata de la Internacia Esp. Muzeo (Komisiito de la Turisma Servo de UEA)**

**Detalojn informojn donas : LKK, Esperanto, Neue Burg, Wien I**

# LA TASKOJ DE UEA — LA TASKOJ DE LA MOVADO EN 1936

Okaze de la Nova Jaro decas meti antaŭ niajn okulojn la taskojn, kiujn ni devas plenumi en la venonta periodo. La unua kaj ĉefa tasko estas nepre sekurigi la ekziston de tio, kion ni jam sukcesis atingi. La dua tasko estas daŭrigi la konstruon por konstanta perfektigo de niaj fortoj internaj kaj eksteraj.

### Internaj taskoj

En nia artikolo en la novembra numero de « Esperanto » (pg. 155(7). Ni jam raportis pri la laboro farita en 1935 kaj pri la momenta stato de ĉio. Konklude el tio rezultas, ke por la proksima tempo ni devas ankoraŭ okupi nin pri aro da pure administraj demandoj, kiuj rilatas al plia simpligo de nia aparato kaj al ankoraŭ pli racia organizo.

Gravan pozicion havas la *Jarlibro.* Jam nun ĉiuj teknikaj preparoj estas farataj por certigi kiel eble plej fruan aperon de kompleta eldono en 1936. Por la adresa parto « konstanta manuskripto » estas kreita. Por la cetera enhavo ni bezonas kunlaborantojn kaj per tio kore invitas, anonci sin kiel tia al la Centra Oficejo. La Jarlibro krom tio estas financa problemo. Ne dependos de la gvidantoj de UEA, sed de la esperantistoj, ĉu ni estos kapablaj, en monato marto, jam riski la elspezon de tia granda sumo, bezonata por kovri la eldonkostojn.

Grava labor-objekto estas la *revuo „ Esperanto. "* Ĝia rolo kiel parolilo de la asocio estas okulfrapa. Jam en 1935 aro da plibonigoj estis farítaj en ĝi. Ili trovis sufiĉe da aplaŭdo, kiel pruvas al ni pluraj skribaĵoj kaj favoraj mencioj. La oficiala organo de UEA devas esti impona, varbopova, efika. De longe jam la demando de la unuecigo de l'internacia gazetaro okupas la spiritojn ; nuntempe kelkaj komitatanoj de UEA dediĉas specialan atenton al ĝi. Kia ajn rezulto sekvu el tio, la oficiala organo restos ĉiam unu el la plej gravaj helpiloj de la organizo. Dume ni faras ĉion por ĝia perfektigo. Sed ekstera subteno estas necesa. Ni bezonas kunlaborantojn interesitajn per nia progreso. Por doni riĉan revuon materialo el ĉiuj landoj estas bonvena. Dumtempe ni estas iom ĝenitaj en nia agemeco pro financaj limoj. Sed kun la kreskanta sano de UEA ankaŭ la perspektivoj por disvolvo de la oficiala organo pligrandiĝos laŭgrade. Konstanta problemo en la nuna situacio estas la regula kaj rapida funkciado de la *direkcia sekretariejo.* Jam je alia okazo ni klarigis la altajn pretendojn, kiuj estas farataj al la oficistoj de UEA por la plenumo de sia laboro. En la nuna momento de deviga ŝparado la ĉefa manko estas nesufiĉe multnombra helpantaro en la C.O. por forigo de la labor-amaso, kiu naturnecese alfluas al la Centro. Sufiĉas okaza mankhava laboro aŭ dumtempa malsano de iu, por malhelpi nian regulecon, preskaŭ maŝinan aŭ por grave endanĝerigi parton de nia tuta laboro. Jam de longe ni konas nur urĝajn laborojn ; unu ĉasas la alian. Por necesaj aliaj taskoj kaj precipe por plivastigo de nia agadkampo mankas ĉiuj eblecoj.

Ni devas atingi en 1936 la pligrandigon de nia stabo. Nur tiamaniere la Centra Oficejo atingas provizore normalan staton por laŭorda plenumo de sia tuta laboro.

### Eksteraj taskoj

Ni jam diris, ke ni devas plivastigi nian agad-kampon. Por igi efektive utila Esperanton, *la servoj de UEA* devas ludi pli elstaran rolon. La C.O. en tio povas agi nur kiel organizanto kaj instiganto. La plej gravajn faktorojn devas alporti la membraro kaj la delegitoj per iniciatoj por praktika aplikado de Esperanto kaj eluzo de nia organizo. Ekzistas centoj da eblecoj en tio. Necesas nur lerteco kaj praktika spirito por tio. Fine la diletantismo devas malaperi por doni lokon al la praktika agado, pri kiu ĉiutage pruvoj estas submetataj al ni.

Ekstreme grava kampo estas tiu de la *propagando.* En la granda krizo, kiu regas la mondon kaj kelkfoje ekskuas profunde la fundamenton de ĉio, tiu ĉi laboro estas aparte malfacila. Konstanteco tamen kondukas al la celo. Ni klopodas pli kaj pli gvidi kaj fruktedone influi la propagandon. Estas absolute necese, labori laŭplane. La iama ICK tiurilate agis modele kaj ni bazas sur ĝiaj spertoj. Laŭ la nuna stato de la movado ekstera propagando necesigas ne nur plej bonan konon de ĉiuj detaloj, sed ankaŭ postulas kunlaborantojn, tempon kaj monon. Pli grandiĝanta profesia oficejo ĉiel povus kontentigi tiurilatajn pretendojn. Kiel funkcius Centra Oficejo kun 10 aŭ pli da oficistoj ! ? Sed ĉar tian staton ni povas atingi nur en etapoj, nuntempe helpo de ekstere estas necesega. Tre aktiva estrarano de UEA antaŭ ne longe sugestis, ke la direktado de div. branĉoj de propagando estu konfidata al fakestroj respondecaj pri la koncerna kampo. Ne estas dubo pri tio, ke tia dispartigo alportus utilon per la specialiĝo. La detaloj estas serioze studotaj por trovi taŭgan solvon. Ni devas tamen eviti kreon de duobla organizo, kiu domaĝigus la unuecon, rezultanta el la centrigo de la ĝenerala gvidado. Sukcesa provo tiudirekta estis farita laŭ nia iniciato de longe per starigo de apartaj komisionoj, komisiitaj pri difinita tasko. Estas konata la efika agado de la Internacia Radio-Komisiono (kun la Internacia Radio-Servo) regule funkcianta de post 7 jaroj. La gazetara kampo estas konfidita al la Internacia Gazetara Komisiono ; ĝi komence laboris tre regule, sed por efika agado bezonas multe pli laŭcelan kunlaboron kaj subtenon. Ni provas de longe, ankoraŭ senrezulte, pri starigo de Internacia Statistika Komisiono kaj pri Internacia Komisiono de Dokumentado. Ambaŭ devas labori en intima kontakto. Iom post iom ili devas kunigi kaj kompili la disajn faktojn, kies kuna prezento estas necesa je plej div. okazoj. Materialo ne mankas kaj ni ne povas daŭre reŝovi tiujn ĉi urĝajn laborojn. Kiu anoncos sin por kunagado?

### Financoj

Ni povas nenion projekti, nenion realigi, ne parolante, ne pensante pri la financoj. Oni ne ŝatas multe paroli pri tiuj ĉi realaĵoj. Al la seriozaj organizantoj oni ĝenerale riproĉas materialisman spiriton kaj tro komercan manieron. Oni baziĝas unuavice sur nura entuziasmo, kiu ne-kontesteble estas unu el la plej grandaj pel-fortoj. La seriozan antaŭkalkulon tamen plej ofte anstataŭas la spekulacio pri bonŝanco. Kiel ĉiu sukceshava organizo, ni bezonas rigorajn financajn regulojn. UEA en 1935 finis sian jarkalkulon sendeficite, detalo unika en la financa historio de la asocio. Ni konscias pri la graveco de tiu ĉi detalo por la vivo de nia asocio. Kaj ni kalkulas pri la solidareco de niaj anoj rilate la kotizadon al la Asocio. Ni daŭrigos laŭ la principo atingi per minimumo da kostoj maksimumon da efiko. Ni ne estas ŝparinstituto, sed ni klopodas pro nura racieco ekvilibri nian praktikan rolon kun la financa povo. Ĉi tiu principo

devas fariĝi reganta en la movado. Kiom da mono estas dise foruzata por tiom da aferoj pli-malpli gravaj! Tamen nia movado enhavas respektindan financ-povon. La oferemo de niaj anoj estas laŭdinda kaj admirinda. Ja ne povus esti alie pri movado inspirita de tiom alta idealo. Se ni taŭge koncentras nian financan povon, ni povos atingi eksterordinarajn progresojn. La gvidantoj en la movado devas plene konsideri tion kaj agi konsekvence. Nur sanaj financoj donos al ni la necesan trankvilecon por nia laboro kaj permesos al ni uzi la monon taŭgaloke.

### La organiza «problemo»

De post 25 jaroj oni diskutis pri la organizo de la movado. Problemo ĝi fariĝis nur, kiam la postmilitaj cirkonstancoj puŝis al solvo. Tiel ekestis la kontrakto de Helsinko kun 2 malegalaj kontraktintoj. Ĝi naturnecese sekvigis vicon da diskutoj, disputoj kaj eĉ bataloj, kiujn ni hodiaŭ povas nur registri kiel etapojn al perfektigo de nia organizo. Estas konata la elstara rolo de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, kiu de post la prezidanteco de S-ro John Merchant-Sheffield senĉese agadis por la unuecigo de la Esperanto-movado. Post la disŝiro de la kontrakto de Helsinko, la fondo de UFE en Parizo, la interkonsiliĝo kun UEA en Ĝenevo, fine la « Interkonsento de Kolonjo » en 1933 donis al la organizo unuecan konstitucion. UEA fariĝis la internacia centra organizo, kies branĉoj estas la landaj asocioj, aliĝintaj al la interkonsento. La okazintaĵoj de Stokholmo klarigis la internan situacion de UEA. Sekvis ŝanĝoj, reformoj, plibonigoj — unu jaro da senĉesa, parte superhoma klopodado kun eksterordinaraj malfacilaĵoj. Iom post iom ni eniras regulan vojon. La Centra Oficejo funkcias seninterrompe. Pri ĝia disvolvigo ni parolis je alia loko. Tiel ni povas diri:

*La organizo de UEA estas preta.*

Kompreneble ni celas al daŭra perfektigo. Ĝi dependas de la esperantista kooperado mem.

### Ne re-organizo, sed finorganizo de la movado

Dume ni ankoraŭ luktas pri la solvo de tiom da detaloj, dume multrilate ni fakte devas rekomenci, opoziciuloj kaj interesitaj personoj vokas laŭte pri necesa reorganizo de UEA. Se ni realigus iliajn dezirojn, morgaŭ denove ili krius pri denove necesa reorganizo. En vero estas tiel, ke la gvidantoj de tiu opozicio, sufiĉe inspiritaj de personaj gloro, ambicio kaj eĉ profito nur ne scias adaptiĝi al la preta organizo por tiamaniere kontribui al ĝia laŭgrada plibonigo. Sed iliaj faktaj motivoj tion malhelpas. Bedaŭrinde ili erarigas ne bone informitajn kaj facile influeblajn personojn, kiuj sekvas al ili. Ilian minacon krei konkurencan organizon ni ne bezonas timi. Ĉiu, kiu partoprenas en tiu ĉi klopodo rekte partoprenas en krimo kontraŭ nia afero. Fine ja nur suferas Esperanto.

Ne reorganizo, konstante ripetata, estas necesa, sed finorganizo de la movado.

UEA nuntempe apogas sin reale sur 6-7 sufiĉe fortajn landajn organizojn el 21 asocioj, aliĝintaj al la « Interkonsento de Kolonjo », inter la 36 asocioj efektive ekzistantaj en la div. landoj. Plian helpon, sed ne-sufiĉan, alportas la nombro da fideluloj en landoj sen organizo.

De ĉirkaŭ 10 jaroj ni luktas pri la internaj aranĝoj de la movado. Nia iniciato ne estis vana. Apud la de longe sukcese funkcianta profesia oficejo de BEA en Londono, kreiĝis antaŭ kelkaj jaroj la Esperanto-Centro Itala en Milano kiel sukcesplena koncentrejo de ĉiu esp. laboro en Italujo. SfpE unue nomis konstantan sekretarion kaj hodiaŭ posedas en Parizo bone disvolvigeblan sekretariejon kun du pagitaj helpantinoj. GEA de multaj jaroj disponas pri propra sekretariejo. Ankaŭ la Japana Instituto, la Sveda Federacio kaj la Ĉeĥoslov. Asocio Esperantista certigas al si la helpon de pagita, ĉu profesia, ĉu kromofica oficisto. « Leen » en Nederlando ĝis nun modele certigas la sekretariejon per honorofica laboro.

Nur parolante pri Eŭropo ni konstatas, ke nenian firman bazon havas nia laboro ĝuste en tiuj landoj, kie devas esti nia ĉefagadejo. En la landoj de l'malgrandaj nacioj, de l'malgrandaj lingvoj, kie Esperanto estas absolute necesa helpilo. Kaj en tiuj ĉi teritorioj la nombro de esperantistoj estas ekstreme granda. Estas vere, ke en tiuj landoj ekonomiaj kaj aliaj kondiĉoj estas tre malfavoraj, precipe nuntempe. UEA per siaj ĉefdelegitoj kaj delegitoj povas doni valoran helpon. Sed estas urĝa tasko de la tuta movado zorgi pri tio. Influo el la eksterlando al la malfortaj asocioj en tiuj ĉi landoj kaj precipe kuraĝigo al la tieaj aktivuloj estos tre fruktedonoj. Kaj nia vera forto devas konsisti en tio, ke la bazo estas kreata per internacia kooperado.

Ni konscias pri la premisoj necesaj por la realigo de nia propono jam ne nova. Tie kaj tie oni komencis, *ni devas daŭrigi konstante.*

Tiel la taskoj de UEA estas la taskoj de la tuta Movado. Ni energie alvokas por ilia laŭebla realigo en 1936. Celkonscie ni partoprenu en ĉiuj tiurilataj entreprenadoj. La plivastigo de nia bazo firmigos la fundamenton de UEA kaj pli fortigos nian asocion. Nur forta internacia organizo sekurigas la sukceson de Esperanto tra la tuta mondo.

Robert KREUZ.

**Feliĉan Novan Jaron,**

**perfektan sanon,**

**personan bonŝancon**

**kaj**

**kuraĝigan optimismon**

**deziras por 1936**

**al ĉiuj membroj, legantoj**

**kaj amikoj**

*la Redakcio de „Esperanto"*
*la Centra Oficejo de UEA.*

**Ĉi tiu estas la lasta numero de "Esperanto", liverata al la M.A. kaj abonantoj en 1935. Por tuja daŭrigo repago estas necesa.**

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— Pri la ĉeĥoslovaka urbo Uh. Hradiŝte ĵus aperis 12-paĝa ilustrita prospekto turisma en Esperanto.

— La Franca Metiista Asocio en Romans (Drôme) en sia lasta ĝenerala kunsido akceptis rezolucion favore al la enkonduko de Esperanto en la metiistajn lernejojn kaj entreprenis tuj enketon por la realigo.

— La Ĝenerala Asocio de Asekur-oficistoj en Barcelono malfermigis Esperanto-kurson por oficistoj el tiu ĉi fako, per subvencio mem certigante ĝian organizon.

— La Regiona Tribunalo de Roterdamo ĵurigis kaj enoficigis oficialan tradukiston por la lingvo Esperanto.

— La Regiona Direkcio de l'Poŝtoj kaj Telegrafoj de Rio de Janeiro aperigis specialan kovrilon, kiu enhavas 12 paper-foliojn kaj 12 kovertojn por uzo en la aerpoŝta servo. La plurlingva reklamo sur ĝi, por brazilaj produktoj, ankaŭ estis surpresita en Esperanto.

— La radio-stacio Lyon-la-Doua komencis novan kurson de Esperanto.

— La poŝta direkcio I de Vieno per reskripto PDZ 151. 225/1935 rekomendis al la poŝtoficistaro la partoprenon al la esp. kursoj, organizataj por la proksimjara 28-a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno.

— La poŝt- kaj telegrafdirekcio por Supra Aŭstrio kaj Salcburgo en Linz, sekvante al rekomendo de la ĉefdirekcio en Vieno, organizas esp. kursojn por poŝt- kaj telegrafoficistoj.

— La Ĝenerala Direktoro de la administro de poŝto kaj telegrafo (Federacia Ministerio por Komerco kaj Trafiko) en Vieno per reskripto No. 35.724-1935 rekomendis « en speciala intereso de la servo, kaj memorigante la reskripton 36.232-34, novembro 1934, ke pro la proksima universala kongreso kiel eble plej granda nombro da poŝtistoj kaj telegrafistoj lernu Esperanton. La disponigo de kursejoj estas faciligota.

— La Sudmanĉuria Fervoja Kompanio en Dairen (Sud-Manĉurio) publikiĝis en Novembro 1935 belege ilustritan 8-paĝan turisman reklamilon « Gvidfolio por Vojaĝantoj en Manĉoŭkuo ».

— La ĝenerala direkcio de l'poŝto de Aŭstrio, kiu eldonas la oficialan kurslibron (horaro), decidis aldoni klarigojn en Esperanto al la div. signoj kaj informoj en tiu ĉi eldonaĵo por plia faciligo al eksterlandaj uzantoj.

— En la Ministerio de Publikaj Laboroj en Parizo okazis oficiale ekzameno por akiri diplomon de taks-aŭtomobil-ŝoforoj. Oni postulas la i.a. konon de fremda nacia lingvo aŭ de Esperanto. Pluraj ŝoforoj, por la unua fojo, sub-metiĝis al ekzameno pri Esperanto.

— La argentina radio-stacio « LTI.-Radio del Litoral » en Rosario de post oktobrofino regule dissendas en Esperanto.

— Ĵus aperis rusa traduko de la grava verko de D-ro Wüster « Internacia Lingvo-normigo « (1932). Kiel mallongig-ita verko ĝi ampleksas nur 301 paĝojn. Ĝi estas prilaborita de 5 eminentaj rusaj fakistoj; la detaloj daŭris 4 jarojn. Eldonisto estas la ŝtata eldonejo por normigo «Standartgiz» en Leningrado kaj Moskvo.

— De post januaro la Radio-Stacio CT3AQ en Funchal (Madeiro), ondolongo 75 m, regule dissendas en Esperanto je ĉiu mardo, ĵaŭdo kaj sabato.

— La ĉiumonata gazeto « Työ ja Voitto » (Laboro kaj Profito), organo de eltrovistoj kaj iniciataj spiritoj, kiu aperas en Helsinko (Helsingforso) publikigas krom artikoloj en finlanda kaj angla lingvoj, ampleksan paĝon en Esperanto.

POCZTOWA KASA OSZCZĘDNOŚCI
ODDZIAŁ we Lwowie

P.T.

Wüster &Co.Sägenfabrik

Wieselburg

Znak WP. Data Prosimy podać w odpowiedzi ZNAK 503584/Kdt DATA 27.11.35

Respondante al via ŝatata letero de 22.XI.35 ni sciigas vin, ke je 20.XI.35 ni ricevis vian ĉekon kun transpagdispono, kaj al ĉeko almetis vi ankaŭ ĉekmandaton./la maldekstran parton de ĉeko/

Ĉar je transpagoj el unua ĉekkonto al alia la ĉekmandato estas superflua, ni petas vin afable tiujn-ĉi ĉekmandatojn/Przekaz czekowy/ restigi apud la libreto, aŭ difektigi ĝin antaŭ sendado de ĉeko al P.K.O.

POCZTOWA KASA OSZCZĘDNOŚCI
Oddział we Lwowie
KANCELARJA DZIAŁU TECHNICZNEGO

P. K. O. AS. Nr. 177g/1935.

18007

**Esperanto praktike aplikata de la pola poŝt-ŝparkasa administracio**

Nia konstanta kunlaboranto S-ro D-ro Inĝ. Eugen Wüster en Wieselburg (Aŭstrio) en sia fabrik-entrepreno, okaze de poŝtĉeka operacio, ricevis de la poŝt-ŝparkasa oficejo en Lwow informon en pola lingvo. Ne povante ĝiu kompreni, li petis skribi al li en germana, franca aŭ esperanta lingvoj. Kelkajn tagojn poste la nomita oficejo donis al li klaran respondon en Esperanto. Kiel pruvon pri la jam vasta aplikado de nia lingvo en la praktiko ni reproduktas la originalon tie ĉi.

## Esperantista Lingva Komitato
## Akademio

Sekretario :
S-ro R. de Lajarte
4, Villa d'Orléans,
Fontenay-sous-Bois (Seine)
(Francujo).

**Oficialaj sciigoj de la Akademio**
(N-ro 11 — Januaro 1936)

Al la cirkulero N° 9 pri *oficialigo de vortoj* respondis nur 46 L.K. anoj (56 kun la ĉeestantoj de la kunsido de la L.K. en Roma). Kvankam tiu nombro estas malpli granda ol la duono de tiu de la L.K.-anoj, la konkludoj eltireblaj el la respondoj estas atentindaj, ĉar ili montras la opiniojn de la membroj speciale interesataj pri tiuj demandoj. Cetere tiuj konkludoj povos esti ŝanĝataj laŭ la konstatoj de la praktiko.

1. La respondoj al la unua demando, pri la *maniero* elekti la vortojn *prezentotajn por oficialigo*, ne ebligas starigi novan kriterion. La uzado de Zamenhof, la publikigado en la Plena Vortaro, la prezentado de L.K.-anoj aŭ konataj aŭtoroj estas proponitaj ; sed plej ofte la nuna kriterio, t.e. la matureco, sub iu aŭ alia formo, estas preferita.

*Konklude tiu kriterio estas konservota.* La konstato de la matureco estos plifaciligata per la laborado de la « Sekcio de kontrolo ». Plie, kiel jam petite en la N° 1 (januaro 1934) de la « Oficialaj sciigoj », la L.K.-anoj sendos al la Prezidanto la vortojn, kiuj, laŭ ilia opinio, kontentigos tiun kriterion.

2. La respondoj al la dua demando, pri *la periodo laŭ kiu devas esti prezentataj la listoj por oficialigo,* estas tre diversaj. La plej aprobataj periodoj estas unu jaro kaj kvin jaroj, sed estas ankaŭ proponitaj periodoj da du aŭ tri jaroj ; plie en la kunsido de Roma, 10 membroj proponis kvin jarojn.

*Konklude periodo da kvin jaroj estos principe uzata, kaj la venonta aldono aperos en 1940.*

3. La respondoj al la tria demando pri *la limdato fiksota por respondi* estas ankaŭ diversaj ; sed montriĝas deziro, ke sufiĉe longa tempo, ekzemple ses monatoj, estu donata. Tiu longa tempo cetere ebligus uzi nur unu limdaton por la proksimuloj kaj malproksimuloj.

*Konklude estos fiksata limtempo da ses monatoj.*

4. La respondoj al la kvara demando montras, ke ĝenerale estas dezirata *publika kaj privata diskutadoj*. Kelkaj proponas publikigadon de la opinioj en Speciala Bulteno de la Akademio, aŭ en bonvola gazeto. La unua solvo ne estas nun realigebla pro manko da monrimedoj ; la dua ne dependas de la Akademio. Ĉiuokaze *la longa limtempo ĉi supre alprenita ebligos diskutojn per la nun uzataj rimedoj.*

5. La ĝisnuna *aranĝo de la proponitaj vortoj laŭ du listoj, por montri aparte la teknikajn vortojn,* estas malaprobita de ĉirkaŭ duono de la respondintoj.

*Konklude tiu aranĝo ne estos konservata.*

6. *La publikigado de la oficialigitaj vortoj en la jarlibro* estas preskaŭ unuanime aprobita.

*Konklude ĝi estos daŭrigata.*

Pro voĉdonado pri la ŝanĝoj en la Statutaro kaj la Regularo proponitaj en la kunsido de Roma, rilataj al la *elekto de la Lingva-Komitatanoj,* la kutima ĉiujara elekto okazos nur post konstato de la rezultatoj de tiu voĉdonado, t.e. *post la 15-a de junio 1936.*

# LINGVA PRAKTIKO

**Kelkaj ekonomiaj-komercaj esprimoj aktualaj kaj ilia difino**

*Allas-Oficejo.*

Institucio, kiu donas laŭleĝan permeson pri iu agado, funkcio aŭ manipulado, leĝe reguligita. Allas-oficejo por negocado, eksporto, vendado de akcioj (borsnegocado).

*Ekspluat-komuneco.*

Interligo de entreprenoj kun samaj interesoj por kunagado laŭ komuna labor-programo, principo, produkt-proceso, materi-aĉeto ktp.

*Eksport-premio.*

Parta repago de dogan-takso (se por importo de la necesa krudmaterialo importdogano estis pagita) aŭ de impostoj (se por la fabrikado konsum-depagoj estis faritaj). Eksportpremio celas igi enlandajn produktojn konkurpovaj en la eksterlando aŭ dumdaŭre senŝarĝigi la enlandan merkaton. Ankaŭ sindikatoj pro konkurmotivoj donas eksport-premiojn

*Entrepren-kapitalo.*

Valoro de mono, materioj, maŝinoj, instrumentoj, iloj, materialo, konstruaĵoj ktp., kiuj estas necesaj por funkciado de komerca aŭ industria entrepreno.

*Revalorigo.*

Estarigo de l'antaŭa valoro de valutoj, hipotekoj, valorpaperoj ktp. malpli valoriĝintaj.

*Transit-bulteno.*

Doganformulo, servanta por deklaracio kaj kiel permesilo por importi dogan-devan sendaĵon. La dogandepago estas laŭ ĝi pagota aŭ ĉe la landlimo aŭ ĉe la alven-doganejo. En kelkaj landoj ĝi ankaŭ servas kiel transport-permesilo por monopol- aŭ regi- produktoj.

*Valid-limiĝo.*

Finiĝo de devo aŭ sindevigo pro ne-apliko de leĝo aŭ pro ne-agado, kies valideco estas tempe fiksita.

R. Kr.

**Teknikaj anoncoj**

Por respondi al div. informpetoj pri la teknikaj anoncoj, aperantaj en « Esperanto » de post kelka tempo, ni sciigas, ke la tradukoj estas senescepte faritaj de la redaktoro mem de nia revuo. Kelkaj el ili prezentis sufiĉe da malfacilaĵoj kaj problemoj, sed ĉiuj enhavas valorajn kontribuojn al nia teknika-praktika vortaro. Oni atentigis nin pri unu sola eraro (valvo anstataŭ klapo) sur pĝ. 64 (16), 1a kol.

Erarigan preseraron enhavas la anonco sur pĝ. 112 (16), 1a. kol. (Pulvoforma anstataŭ pulvorforma).

---

La Prezidanto ricevos plezure sciigojn de la esperantistoj, L.K.-anoj aŭ ne, kiuj intencas laborado pri la *ne-oficialaj detala Esperanto-gramatiko, esperanta stilistiko, kompleta vortarego de Esperanto,* pri kies aperigo, laŭ la japana kongreso de 1935, devas zorgi niaj oficialaj institucioj (Akademio, Lingva Komitato, U.E.A.), kun la helpo de ĉiunaciaj fakuloj.

La Prezidanto :
M. Rollet de l'Isle.

## John MERCHANT †

Profunda funebro trairas niajn vicojn. Nekomprenebla ŝajnas al ni la fakto. S-ro John Merchant mortis en Sheffield la 9 januaro 1936 en aĝo de 64 jaroj. La brita kaj la internacia movado perdis unu el la plej elstaraj personoj de la movado de post 35 jaroj. S-ro



Merchant post brila kariero, estis ĉefdirektoro de Adam's Polish Ltd. De plej fruaj tagoj de juneco li apartenis al la YMCA, en kies konsilantaro li estis. Li estis aktiva membro de la Reformklubo de Sheffield. Fervora sportulo, li estis kasisto de la fama Wednesday-day-Kriketklubo de la sama urbo. Li ankaŭ estis framasono.

Al la Esperanto-afero li aliĝis en 1905 kaj tre aktive agadis en la enlanda movado en Britujo. De post 1922 ĝis 1931 li prezidis la Britan Esperantistan Asocion. Ĉe starigo de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (KR) en 1922, laŭ la kontrakto de Helsinko, li fariĝis ties prezidanto kaj per tio eniris la internacian gvidadon de la movado. En 1928 — en tre kritika momento de la organizo — li estis elektita kiel prezidanto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, kiun li modele estris ĝis 1933. Lia agado estis kronita per la « Interkonsento de Kolonjo », kiu donis la bazon al la unueca organizo por kiu li batalis konstante. Pure privataj kaŭzoj devigis lin retiriĝi. En Stokholmo, en 1934, post la rezigno de S-ro Ed. Stettler, li estis unuanime elektita prezidanto de UEA. Sed la samaj kaŭzoj devigis lin rezigni pri ofico, kiun li certe estus volinta plenumi per la tuta amo kaj konvinko lin liganta kun Esperanto. John Merchant estis homo profunde religia. Homo diligenta kaj laborema, celkonscia kaj energia, li samtempe manifestis grandegan bonkorecon. Karaktero de senfina delikateco, li estis fidela kaj ege lojala kunulo. Sana ridanta bonhumoro regis lian ĉiam viglan spiriton, infektante ĉiujn aŭskultantojn, kie ajn li parolis.

Formortis ĝentilhomo kun ora koro, sed la memoro pri li restos eterne en ni por modelo. Prave citis la pastro, okaze de lia kremacio, la parolon : « Viro forlasis la vivon, kiu vivis por la bono de siaj kunhomoj ». Li ripozu en paco.

Al lia vidvino, malnova fidela samideanino, kaj familio ni prezentas la plej sincerajn kondolencojn de la tuta esperantistaro.

R. Kr.

## Luis E. SEPULVEDA CUADRA †

Tre profundan doloron kaŭzos inter la samideanoj de la tuta mondo la sciigo pri la morto de nia amiko Sepulveda.

Li naskiĝis la 9 oktobro 1873 en Santiago de Ĉilo kaj dediĉis sian liberan tempon al Esperanto jam en la komenco de la movado, estinte eble la plej malnova samideano en tiu ĉi kontinento. Malgraŭ tio, ke li multe deziris partopreni almenaŭ unufoje la universalan kongreson, li ne povis efektivigi sian revon kaj sekve nur tre malmultaj samideanoj havis okazon paroli kun li — okaze de sia vizito en Ĉilo. De post la plej unuaj tempoj de la historio de Esperanto lia nomo estas ligata kun ĝi : Centoj da korespondantoj en ĉiuj landoj estis kun li en daŭra koresponda rilato kaj lia modela ordigita arĥivo enhavas tre valorajn dokumentojn pri la historio de nia movado. Lia biblioteco estas sendube la plej valora kolekto de esperantaĵoj en suda Ameriko, precipe konsiderante la eldonaĵojn de la unuaj tempoj.

Senlace li laboris por sia sola idealo — Esperanto — ĝis la tago de sia morto, la 30 oktobro 1935, sekvinta post nelonga malsano.

La legantoj de gazetoj esperantaj memoras lian nomon, kiu ofte aperadis sub interesaj artikoloj devenantaj el lia plumo. Li estis LK-ano de multaj jaroj. Neforgesebla estos lia nomo inter la blinduloj de Ĉilo, por kiuj li senlace laboris dum longaj jaroj. Sincere ni devas bedaŭri lian foriron, ĉar la movado perdis en li adepton malnovan kaj plej sindonan. Li estis senlaca propagandisto por Esperanto kaj li kunagis en pluraj iniciatoj de la ICK kaj de UEA, kies regula korespondanto li estis dum longaj jaroj.

La tuta Esperantistaro esprimas al lia vidvino sian plej sinceran kondolencon kaj certigas ŝin, ke ĝi neniam forgesos la altvaloran servon, kiun li alportis al la ideo de Esperanto en Sudameriko.

E. Kühnl, Santiago de Ĉilo.

# BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA

*A. E. v. Bussum* : Sleutel op Het Esperanto-Leerboek. Eldonis L. C. G. Malmberg, Uitgever N. V. 's-Hertogenbosch. 92 paĝoj. Formato 13,5 × 19,5. Prezo sv. frk. 0.90. (1935-85).

*Henrik Seppik-Ernfrid Malmgren* : Systematisk Kursus i Esperanto; Norvega Eldono, prilaboris Rolf Bugge Paŭlsen. Eldonis Norsk Esperantoforbund, Oslo. 88 paĝoj. Formato 12 × 19 cm. Prezo Kr. 1.—. (1935-86).

*Adelson Pietrini* : U.S.I. Esperantasteno Internacia Flua Stenografio por la tuta Mondo, Sistemo « Cima-Saltini ». Eldonis Adelson Pietrini, Viareggio (Italujo). 8 paĝoj, Formato 16 × 22 cm. Prezo : Italujo Frk. 3.—, aliaj landoj Frs. 5.— (1936-1).

*Federatie van Arbeiders Esperantisten* : Zak-Woordenboekje F.L.E. Esperanto-Nederlands. Eldonis Federacio de Laboristaj Esperantistoj, Libroservo F.L.E. Amsterdam (O). 79 paĝoj. Formato 9,5 × 13 cm. Prezo Fl. 0.12 ½. (1936-2).

*Annie Rebers* : La unuaj Paŝoj, kajeroj 1-5. Eldonis Federacio de Laboristaj Esperantistoj, Libroservo F.L.E. Amsterdam (O). 16 paĝoj. Formato 15 × 21 cm. Prezo Fl. 0.12 ½ la kajero. (1936-3).

*J. G. Mieremet, trad. Marie E. Giltay* : Ĉu mi dormas « libera » de Sandetruaj terradioj ? Eldonis Marie E. Giltay, Parkweg 99, Voorburg (Nederlando). 15 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo : broŝ. 0.40 sv. frk. (1936-4).

---

## Recenzoj

*La Religiaj Cirkonstancoj en Svedujo* de Gunnar Furhammar.

Kvankam Svedujo konvertiĝis al Kristanismo kompare malfrue (la monaĥo Ansgar, el Francujo, fondis la unuan eklezion en la jaro 830), kaj kvankam dum la Reformacio la Papo unue rompis rilatojn kun tiu lando, tamen, ĝi restis firme kristana lando, kaj kredeble eĉ nun, kiam la socialista kaj liberpensa movadoj tre fortiĝis, ĝi ankoraŭ restas unu el la plej religiaj landoj en Eŭropo.

En tiu ĉi broŝuro S-ro Gunnar Furhammar rakontas la historion de Kristanismo en sia lando, kun specialaj ĉapitroj pri la batalo kun la liberpensa movado, kaj pri la laboro de la Sveda Misia Federacio en barbaraj landoj.

La rakonto estas interesa, kaj vigle verkita ; kaj la lingva stilo estas tiom bona, ke la legado estas seninterrompa plezuro.

L. N. N.

*Sägen-Wörterbuch* de Hans Joachim Plehn. Verlag Internationaler Holzmarkt, Wien, 32 pĝ.

Malgranda, sed utila teknika vortaro pri segiloj, en la lingvoj germana, angla, franca, itala kaj Esperanta. La Esperantaj tradukoj estas koncizaj kaj ĝustaj ; nur specialistoj kaj lingvistoj povos vere taksi kiom da teknika kaj lingva detal-laboro reprezentas tia verko. Tamen, oni povas demandi, kio estas segilo kun « subtila » dentaro).

La aranĝo estas taŭga por tia malgranda vortaro ; sed eĉ por tia amplekso oni povus rekomendi al la kompilinto la sistemon Oro (de kiu bonaj ekzemploj troviĝas en la Gvidlibro pri Milano kaj en « Modèle de Vocabulaire Technique des Foires »), kiu estas perfekte konstruita por tia celo.

L. N. N.

*La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo.* — De Charles Dickens. Tradukita de Montagu C. Butler. The Esperanto Publishing Co., London. 118 pp., kun 8 ilustraĵoj kaj portreto.

Ĉi tiu lasta manuskripto de Charles Dickens nepre konfirmos la jaman opinion pri tiu mondfamulo. Liaj nedistingemaj admirantoj (grandparte ne-angloj) en ĝi trovos pluan pruvon pri siaj simpla pieco kaj profunda amo al la homoj ; kaj, ĉi tiun pruvon akceptante, la pli skeptikaj admirantoj vidos en la verko konfirmon, ke Dickens ne povis superi la sentimentalan flankon de sia karaktero.

La verko rakontas, pli unuece ol la evangelioj, la vivon de Jesuo, kun komentoj kaj klarigoj de Dickens. Lia celo estis, ke liaj infanoj konu kaj amu la sanktan historion. Plejparte li sekvas, en tre simpla, biblieca lingvaĵo, la evangeliojn ; nure, la tro dolĉa tono kelkloke ĝenas. Kaj ĉu, parolante pri krucumo, eĉ la panglosismo de Dickens povus ripeti, post la mondmilito kaj lastatempaj revolucioj, ĉi tiujn vortojn ? — « en tiu tempo (de Herodo) — tempo tre kruela (ni danku Dion kaj Jesuon Kriston, ke ĝi nun forpasis)... »

S-ro Butler, la tradukinto, estas unu el tiuj homoj kiuj kombinas senton pri ritmo kaj muzikistan orelon kun pedanta precizemo pri aferoj gramatikaj. La nuna rezulto de lia ama laboro estas unu el la plej bonaj tradukoj en Esperanto, kredeble la plej bona el la angla lingvo. Pridubinda mi trovis nur unu aferon : la frazo, « verkita de Charles Dickens por *siaj* infanoj ». Kaj « plena da ĝojo » estas nepre erara.

La presado estas tre bela, sur bonkvalita japana papero. Preseraroj estas tre malmultaj. La eldonanto intence kopiis la aranĝon kaj ornamojn de la mezo de la 19a jarcento, kaj la ok famaj ilustraĵoj estas ĉiuj de la sama epoko. Sed en tia kadro la bela moderna preskaraktero aspektas strange.

Unu plendo : la eldonanto uzas tre strangan, nelogikan sistemon de interpunkcio ; kaj eĉ sian propran sistemon li ne ĉiam aplikas (ekz., kp. 1. 10, p. 67, kun 1. 3, p. 69). Tamen, ke oni tion konsideras kritikinda, tio mem pruvas la altan nivelon de la tuta produktaĵo.

L. N. NEWELL.
Khartoum (Sudano)

SVEDA ANTOLOGIO. Eld. Soc. Esp. Stockholm. 2 volumoj, 432 pĝ.

Ĉi tiu antologio prezentas tute novan epokon, naskitan post la ĉiuspecaj influoj el la antaŭaj jarcentoj. *August Strindberg* (1859-1912) komencas ĝin. Vivoplenaj figuroj en vigla stilo. *Gustaf af Geijerstam* (1858-1909) : Trankvilaj priskriboj de vivoj tragike mizeraj. *Ernst Ahlgren* (1850-1888) : Du lerte verkitaj historietoj, en kiuj respeguliĝas ioma amaro. *Anne Charlotte Edgren-Leffler* (1849-1892) : Novelo el la ordinara vivo. *Verner von Heidenstam* (1859) : Melankoliaj poemoj kaj prozaĵoj. Pejzaĝoj karaj. Scenoj el la milito maljusta kaj senkompata. *Oscar Leverlin* (1862-1906) : Prozajo. Figuroj akre rigarditaj. Preskaŭ pli belaj la versoj, trafaj kaj sentoplenaj. *Per Hallstrom* (1866) : Fabelsonaj kaj tamen tre veraj priskriboj de simpla vivo.

Dua volumo. — *Ellen Key* (1849-1926) : Kelkaj linioj pri valoro de la sufero. *Selma Lagerlöf* (1858) : Paĝoj, en kiuj ni plezure retrovas la ŝatatan belaniman virinon, kies verko Gösta Berling ĵus ekĉarmas la Esp. orelojn. *Gustav Fröding* (1860-1911) : Kolekto da plej. div. malbanalaj, karesaj poemoj. *Hans Larsson* (1862) : Filozofiaj linioj. *Erik Axel Karlfeld* (1864-1931) : Poemoj. Ŝajnas, ke animo tute vira

kaj delikata parolas en ili. *Pelle Molin* (1864-1898) : Emociaj linioj. Kiu ne tremis legante tiun tragikan scenon de batalo inter homo kaj urso ? *Albert Engström* (1869) : Prozaĵoj. Skizoj pri vivo de malriĉuloj. *Hajlmar Söderberg* (1869) : Historietoj. *Bo Bergman* (1869) : Poemoj, simplaj kaj delikatsentaj. *Wilhelm Ekelund* (1880) : Versaĵoj mallongaj kaj frapaj per sia alta signifo. *Sigfried Siwertz* (1882) : Prozo. Malgaje kortuŝaj estas la scenoj pri malriĉaj infanoj. *Sven Lidman* (1882) : Prozaĵoj. *Hjalmar Bergman* (1883-1932) : Originalaj figuroj kaj scenoj. *Anders Osterling* (1884) : Du trankvilaj poemoj, kiuj finas la indan verkon.

La elektitaj verkaĵoj aperas ne nur kiel literaturaj valoraĵoj, sed kvazaŭ reprezentantoj de nova aŭtoro en la mondo de la konceptoj. Ĉu tiu ne pravis, kiu asertis, ke la Lumo venos de la nordo ?

La redaktoroj estas Sam Jansson, Bjarne Beckman, Arne Lennen. Multnombraj estas la tradukintoj.

Kaj la lingvo ? Ĝi estas perfekta, bela. Oni sentas amon en ĝi, iremon al alta nivelo, respekton al la mirinda instrumento, kiu estas Esp.

Kio pli bone helpas konigi popolon ol ĝia literaturo, kiu respegulas ĝian vivon, ĝiajn morojn, ĝian menson ? Kaj kiu lingvo pli bone ol Esp. taŭgas por porti tra la mondo voĉon de unu lando kaj por sentigi al ĉiuj la samecon kaj samtempe diversecon de la homa animo de ĉie ? Ĝoje kaj danke ni povas saluti elvenon de tiaj bonegaj antologioj, kia estas la sveda.

Juliette BAUDIN, Genève.

Pro spacomanko ni devis remeti por la proksimo numero plurajn aliajn recenzojn, i.a. la ĉiam legindan revuon "Tra La Libraro" de nia konstanta kunlaboranto, sro Prof. Strœle.

(La Redakcio)

---

# 25-jara Jubileo de la Norvega Esperantista Ligo

La 27 januaro la Norvega Esperantista Ligo festos la 25-an datrevenon de sia fondiĝo.

En Norvegujo jam de 1900 troviĝis esperantistoj, kaj sufiĉe multaj grupoj, i.a. en Oslo, Bergen, Narvik, Trondheim. Sed centra organizo mankis ĝis 1911, kiam ĝi fondiĝis dum kunveno en Oslo. La planon ellaboris S-ro S. Engesgaar Christie, kaj li ĝin publikigis en redakcia artikolo en « Norvega Esperantisto » n-ro 1-1910. Li proponis la nomon « Norvega Societo por Propagando de Esperanto », kaj ĝia tasko estu laŭplane labori por disvastigi la scion pri la lingvo, ĝia historio kaj progreso.

La fondiĝan kunvenon ĉeestis F-ino Finholt, prof. Alf Torp (†1916), S-ro H. Bonnevie (sekr.), S-ro Christie (prez.), S-roj Lindquist, H. Th. Thomsen kaj Brochmann Sletterod. Je la fino de 1911 NEL havis 76 membrojn.

E. Christie forvojaĝis, kaj la gvidadon de NEL transprenis S-ro H. Bonnevie (prez. 1912-13) lektoro Einar Schibbye (1913-18), kaj S-ro Bruno Rifling 1918. Li estis juna, fervora esperantisto, kaj li dediĉis al NEL sian tutan liberan tempon. En septembro li estis elektata prez., sed tuj antaŭ Kristnasko li subite mortis.

En 1919 Kapitano Rolf Bugge Paulsen elektiĝis prezidanto kaj restis en la ofico ĝis 1934, kiam sekvis lin la nuna prezidanto, S-ro Einar Stjernesund.

Post la fondiĝo de NEL la movado en Norvegujo iom pliviglIĝis, sed poste, pro diversaj malfavoraj cirkonstancoj, la laboro malprogresis. En 1909 estis fondita « Norvega Esperantisto »; ĝi fariĝis oficiala organo de la ligo; sed en decembro 1914 estis devigata malaperi. La gazeto reaperis en 1923, sed denove ĉesis en 1924.

De 1924 NEL estis sen organo, preskaŭ sen membroj, sed la estraro daŭrigis sian laboron, tamen tre modeste. En 1928 oni invitis pastron Cseh fari prelegon en la universitato en Oslo. Kaj dum junio-julio 1930 pastro Cseh gvidis kurson samloke. Ĝi estis tre sukcesa; sekvis multaj Csehkursoj tra preskaŭ la tuta lando. La plimulton de tiuj kursoj gvidis hungara D-ro Ottmar Fischer. Krome laboris estona lektoro Henrik Seppik, norv. karavanestro Jens Schjerve kaj germana F-ino Margarete Glaser. Nun laboras nederlanda S-ro D. Ponti. Krom tiuj kursoj okazis multaj aliaj. Entute ĉ. 20 mil personoj dum la lastaj 5 jaroj partoprenis Esperantokursojn en Norvegujo.

En 1932 reaperis la organo de NEL sub la nomo «Esperantobladet», redaktita dum la unua jaro de S-roj Bugge Paulsen kaj Bonnevie. De 1933 la redaktadon transprenis konsulo Alf. Christensen. De 1935 F-ino Liv. Sandberg redaktas la gazeton.

La multaj kursoj kaj la reapero de la propaganda organo revigligis la movadon. Dum pluraj jaroj ne estis okazintaj jarkunvenoj de NEL, sed en 1932 okazis provizora jarkunveno, kaj de 1933 okazas jarkunveno ĉiujare dum pentekosto. Rekonstruiĝis diversaj fakoj de NEL : Libra kaj eldona fako, kursaranĝa, ekzamena fakoj, radiofako.

La nuna estraro forte laboras por restarigi la organizon kiu ne estis sufiĉe bona. En multaj rilatoj vidiĝas progresoj, i.a. la nombro de registritaj gazetartikoloj montras konsiderindan kreskon. Por la propagando en la gazetaro oni havas komitaton, kiu bone laboras.

Ĉar oni komprenis, ke daŭra sukceso nur povas veni post laŭplana kaj solida laboro, oni nun ellaboris agadplanon kun la fina celo : Universala Kongreso en Oslo 1940 ! Ne estas tre facile atingi tiun ĉi celon por nun ne tre forta organizo, sed ni esperas ke ĉiuj norvegaj esperantistoj kunhelpos. Antaŭen kun freŝaj fortoj !

La estraro de NEL konsistas el : Einar Stjernesund, prez., F-ino Liv. Sandberg, vicprez., Arnfinn Jensson, ĝen. sekr., C. Stop-Bowitz, sekr., kaj F-ino Esther Gronneberg, kasistino.

La Ligo aliĝis en 1933 al la « Interkonsento de Kolonjo » kaj per tio aktive partoprenas en UEA, la internacia centra organizo de la esp.-movado. Ĉefdelegito de UEA por Norvegujo nun estas S-ro. Ragnv. Rian en Trondheim.

(Ni kore gratulas al la jubileuloj, La Redakcio).

---

## LITERATURO PRI MEKSIKO

La Eldonejo Lumen en la urbo Mexico (Apdo. 59), konata pro sia simpatio al Esperanto aperigis ĵus verkon interesan en hispana lingvo de D-ro Brondo « Nuevo Leon ». Ĝi permesas sur 364 pĝ. bonegan rigardon en la meksikan vivon. La antaŭparolon skribis tre aktiva meksika esperantisto, S-ro Jesús Amaya

# ALVOKO POR PARTOPRENO AL LA XVII INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

*okaze de la XVIIIa Kongreso de l' Kataluna Esperantista Federacio*

ORDINARAJ TEMOJ.

*Originalaj tekstoj*

I. — Versaĵo kantanta *Amon.*

II. — Proza *Ama* verkaĵo.

*Tradukitaj tekstoj*

I. — Esperantigo de la versaĵo *en la Cruilla* de la kataluna aŭtoro Josef Carner.

II. — Esperantigo de la kataluna prozaĵo Traspuament de Llum de la sama aŭtoro.

*Eksterordinaraj temoj*

I. — Premio de la Komitato de KEF, 50 pesetoj. Temo: « Laŭvola ».

II. — Premio de la Prezidanto de KEF, 50 pesetoj. Temo : « Laŭvola ».

III. — Premio de KATALUNA ESPERANTISTO. Dumviva abono al la gazeto. Temo : « Laŭvola ».

En la sekvantaj numeroj de nia gazeto ni daŭrigos la liston de Eksterordinaraj Temoj, por kiuj estas promesitaj multaj premioj. Ni ne povis prokrasti la Alvokon al la Floraj Ludoj, por doni pli multe da tempo al ĉiuj amikoj de niaj konkursoj. Jen la kialo de tiel nekompleta listo.

Inspiriĝu kaj verku por la gloro de nia Literaturo !

NOTOJ.

I. — La aŭtoroj de la du premiitaj Originalaj tekstoj I-II, kaj tiuj de la du premiitaj Tradukitaj tekstoj I-II, ricevos ekzempleron de la verko « Kataluna Antologio », de Jaume Grau Casas. Krom tio estos donacata al ĉiu laŭreato atesta diplomo.

II. — Al la aŭtoro de la plej bona teksto (versaĵo aŭ prozaĵo) el la kvar ordinaraj premiitaj verkoj, la Komitato aljuĝos la *Naturan Floron* kaj la rajton elekti reĝinon de la Festo.

III. — La verkoj konkursontaj devas esti verkitaj en bona Esperanto, kaj ne ankoraŭ eldonitaj aŭ anoncitaj.

IV. — La soleno de la XVII-aj Floraj Ludoj okazos en Manresa dum la XVIIIa Kongreso de « Kataluna Esperantista Federacio ».

V. — La manuskriptoj, kiuj portos surskribitan devizon, devas esti ricevitaj antaŭ la 15 aprilo 1936 ĉe la Kataluna Esperantista Federacio, carrer Valéncia, 245, Barcelona, akompanataj de fermita koverto, kiu surhavos la saman devizon kaj entenos karton kun la nomo kaj adreso de la verkinto.

VI. — La manuskriptoj ne estos resendataj, eĉ se ili alvenis post la datolimo por akcepto de verkoj. Ĉiu sendinto bonvolu konservi kopion de la manuskriptoj. La manuskriptoj devas esti skribitaj plej legeble sur unu flanko (paĝo) de ĉiu paperfolio. Oni menciu ĉiam, ĉu la verko estas originala aŭ la lingvon, el kiu oni tradukis. La paperfolioj de ĉiu konkursaĵo estu centimetre nek pli ol 30 × 20, nek malpli ol 20 × 15.

VII. — La membroj de la Juĝontaro partoprenos en neniu konkurso.

VIII. — La Komitato publikigos la verdikton per KATALUNA ESPERANTISTO kaj per la esperantaj kaj katalunaj gazetoj, kiuj bonvolos ĝin represi.

IX. — La verkoj premiitaj fariĝos propraĵo dum unu jaro, de la Komitato de la Floraj Ludoj, kiu zorgos pri ilia publikigo sur KATALUNA ESPERANTISTO aŭ aliaj esperantaj gazetoj. Permeson por reprodukto dum tiu unua jaro oni devas peti de la Redakcio de K. E.

X. — Eventuala aljuĝo de « Subpremioj » nur signifas honoran mencion sen rajto al efektiva premio.

**Fred. Pujulà i Vallès, prezidanto; S. Alberic Jofrè, Joan Gili Norta, Samuel Roca i Rodá; Eduard Capdevila, sekretario.**

# 23-a Japana Esperanto-Kongreso, Nagoja

**Rezolucio pri Gramatiko, Stilistiko, Vortaro**

(Adoptita en la Labor-Kunsido, la 22 Septembro 1935.)

« La 23-a Japana Esperanto-Kongreso kunveninta en Nagoja, esprimas la konvinkon, ke nia lingvo Esperanto estas komuna posedaĵo de la tuta homaro. Nia Esperanto-Movado estas esence lingva afero kaj orientanoj estas speciale interesataj en la tutmonda karaktero de nia lingvo. Estas do memkompreneble, ke ni, orientaj esperantistoj, faras la sekvajn proponojn :

1) Estas dezirinde aperigi provon de detala Esperanto-Gramatiko, kiu estu kvazaŭ moderna eldono de la Lingvaj Respondoj kaj sur kies bazo estos verkataj ĉiuj naciaj lernolibroj. Tutmonda helplingvo, kia estas nia Esperanto, devas posedi tian vastan bazon, sen kiu miskomprenoj estas timeblaj. Kompreneble la reguloj de tia Gramatiko ne devas esti absolute rigidaj, nek ili ĝuos la saman aŭtoritatecon kiel la Fundamento. Tia Gramatiko servu do kvazaŭ kompaso al dubantoj, tute same kiel detalaj gramatikoj de nacilingvoj por fremdaj studantoj.

2) Estas dezirinde aperigi Esperanto-Stilistikon, kiu estu kvazaŭ moderna eldono de la Krestomatio. Internacia Lingvo devas havi internacian stilon. Kompreneble unuformeco de stilo ne estas dezirinda. Tamen, komencantoj bezonas ekzemplojn de bona stilo kaj konsilojn por la akiro de tia stilo. Ĝis nun Stilistiko estas kvazaŭ orfa infano en nia literaturo, eĉ la vorto mankas en la vortaroj — dume ekzistas « poetiko ». Tien ĉi apartenas kritiko pri mallogikaj esprimoj nekompreneblaj al orientanoj, kiujn okcidentaj samideanoj facilanime uzas. Ni gardu la purecon kaj la internaciecon de nia stilo.

3) Estas dezirinde aperigi Kompletan Vortaregon de Esperanto, kiu tamen ne estu oficiala, sed nur provizora. Sur la bazo de tia aŭtoritata Vortarego devos esti ellaborataj la naciaj vortaroj en la estonto. Eldono de Oficiala Radikaro estas ankaŭ dezirinda.

Pri la aperigo de la supraj ne-oficialaj verkoj devas zorgi, laŭ la opinio de la Kongreso niaj oficialaj institucioj (Akademio, Lingva Komitato, U.E.A.) kun la helpo de ĉiunaciaj fakuloj, por ke la internacia karaktero de la entrepreno estu certigata. La Kongreso estas konvinkita, ke tia programo donos al nia Movado sanan direkton, kiu forturnigos la atenton de bagatela ludoj per neologismoj kaj alproksimigos nin al

la venko, pri kiu neniu dubas. Vivu nia « tutmonda » lingvo, vivu la interkontinenta kooperado lingva, manpremon al ĉiuj kunbatalantoj sur la bazo de l'Zamenhofa Fundamento !»

**7-a Flandra Kongreso de Esperanto** Gent, Pentekoston 1936 (30-31 Majo, 1 Junio).

*Kotizo:* 12 frk. pageblaj per poŝtĉeknumero : 1530.50 de Ach. De Maertelaere, Priveniersstraat 25, Gent.

*Glumarkoj* trikoloraj : 6 b.frk. po 100.

*Korespondado:* Organiza Komitato de la 7-a Flandra Kongreso de Esperanto, Raapstraat 82, GENT.

*Rabatoj:* Sur la enlandaj fervojoj 35%, Valida por enlandanoj de 29 Majo ĝis 2 Junio. Por eksterlandanoj : de 29 Majo ĝis 12 Junio. Por la kongresanoj venontaj el Anglujo : 33 1-3% sur la Brita fervojo (London-Dover), 30% sur la linio Dover-Oostende ; 50% sur la havenotakso « Poll Tax » (Dover) ; 35% sur la Belga fervojo. Valideco : 15 tagoj.

Ĉi-tiu kongreso estas unika okazo por konatiĝi kun la « urbo de la Momumentoj » kiel oni nomas Genton, kaj por fari belan ŝipekskurson sur la multe prikantita rivero « Leie » (La ora rivero) kun siaj pentrindaj bordoj.

PREMIOJ estos donacataj al :

1e la grupo, kiu enskribigos la plej grandan nombron da kongresanoj ;

2e la eksterlanda karavano kun la plej granda nombro da partoprenantoj.

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

**Malsamo filozofio**

Ŝtatoficisto, sid-okupita dum multaj jaroj, baldaŭ estos pensiata. « Ho, » li diras, « baldaŭ mi estos mia propra mastro Nenion plu mi faros kaj mi promenos dum la tuta tago... »

Ankaŭ la leterportisto baldaŭ finos sian 30-jaran servon. « Kia ĝuo », li diras, « kiam mi estos pensiita, kiel agrable mi sidos hejme, legante, fumante... la tutan tagon. »

**Pripensinda**

Kion tio signifas « krias la direktoro al oficisto, « ĉu estas vi, kiu ordonas aŭ mi ».

« Vi, sinjoro direktoro », respondas humile la oficisto.

« Nu jes », kial vi diras tiom da sensencaĵoj, se vi ne estas la direktoro.

**Senceremonia**

Sinjorino, verŝante teon al gastoj : Kaj vi, sinjoro Kapitano, ĉu teon kun aŭ sen rumo ? Kapitano (maljuna maristo)... ho, jes... bonvole, sinjorino, ...se eble... sen teo.



## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*c.r:* certe respondos.
*dez.:* deziras.
*f-ino:* fraŭlino.
*gaz.:* gazeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* Letero.
*p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo.
*PI:* poŝtkarto ilustrita.
*PK:* poŝtkario.
*PM:* poŝtmarko.
*s-ino:* sinjorino.
*s-ro:* sinjoro.

*Gaslav* (Ĉeĥoslovakio). S-ro M. Barta, Havlíčkova ulice č 180., PM., kĉl.

*Asch* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Adolf Pfeifer, Berggasse 15, 28-jara germano, serĉas korespondadon kun juna sam-ino el Svedujo, Danujo, Nederlando aŭ Britujo vojaĝonta al la Viena kongreso.

*Moskvo* (Sovet-Unio). — S-ro Eŭgeno Melnik, Marĥlevskogo 5, 27-jara, telefonteknikisto, dez. kor. k.ĉ.l., L., PI., esperante kaj angle. Nepre respondos.

*Gateshead* (Anglujo). S-ro T. Pattinson, 20 Grasmere Street dez. intŝ. L., PI., gaz. kĉl.

*Koog aan de Zaan* (Nederlando). S-ro G. Meyer, Breestraat 46, dez. kor. k.ĉ.l., ankaŭ ekstereŭropanoj. C.r.

*Alicante* (Hispanujo). S-ro Alberto Cebreiros, calle Capitan Galan, 8, dez. intŝ. PI. Fotojn. Demandoj pri juro, historio, geografio politiko ktp. en Hispanujo. Certe respondas.

*Frankston* (Aŭstralio). S-ro C. Ives intŝ. PM., kĉl. laŭ mankolisto.

*Halle* a. Saale (Germanujo). S-ro Franz Pfeiffer, fervoja oficisto, Königstr. 57 II, pri stacidomoj, kĉl.

*Lützen b. Leipzig* (Germanujo). S-ro Heinz Pfeiffer, ŝparkasoficisto, Gustav Adolfstr. 25 I, pri urbdomoj, kĉl.

*Aiĉi-Ken* (Japanujo). S-ro Kijoŝi Kobajaŝi, Tojakaŭa-ĉo dez. intŝ. ilustritajn-gaz., amatorajn-fotojn.

*Pelo.* Ĉiulandaj samideanoj sendu tuj ĉiuspecajn propagandilojn por baldaŭ aperonta granda propaganda revuo al : Loĝio Esperanto 8, rue Puteaux, Paris (Francujo).

Ni petas ĉiujn Esperanto-Asocioj kaj eldonejojn sendi al ni originalan kaj tradukan esperanto-literaturon por traduko ruslingven. Adreso : Societo de la Esperanto-Tradukistoj SET, Leninskaja 48, *Elabuga* (Tatario-USSR).

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 52-1-36.